


# Etnismo

N-RO 28 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 28.03.82

## Gratulon, Groenlando!

Kiam en meza Eŭropo regis la karnavalaj frenezuloj kaj la festo logis la homojn sur la stratojn kaj placojn, ankaŭ en Groenlando okazis jubilado, pafado de piroteknikaĵoj kaj marŝado tra la stratoj, kun torĉoj en la mano. Ĉu kultura paraleleco de tiel foraj regionoj? Tute ne: La groenlandanoj festis la ĵusan popolan decidon forlasi la Eŭropan Komunumon (EK). En 1972 Groenlando, apartenante - kiel simpla distrikto - al Danlando, aŭtomate fariĝis parto de la EK-teritorio spite al la plimulto groenlanda kontraŭ la eniro. La nova statuso de la insulego, valida depost 1979, ebligis / necesigis novan referendumon nur en Groenlando. Ĉu por la insulanoj sekvos longa "cindra merkredo", kiel opinias EK-rondoj, tion montros la estonto.

Sed ankaŭ multaj groenlandanoj ne estis inter la jubilantoj. La kalkulado de la voĉoj montris, unue, relative altan procentaĵon da voĉdonintoj (74,9) kaj, due, ne tro grandan superecon de la neantoj. 12.615 groenlandanoj, t. e. 52 %, volas forlasi la Eŭropan Komunumon, dum 11.18o (= 46,1 %) volas resti. Reprezentantoj de la plej granda partio "Siumut", ĉefpropagandinto de la foriro, esprimis, krom la ĝojo pri la sukceso, iometan malkontenton dezirinte pli klaran plimulton kiu fortigus al ili la dorson dum la posta traktado en la groenlanda parlamento.

Leo Tindemans, prezidanto de la Ministra Konsilio de la EK, parolas pri eraro: Groenlando situas tre malproksime de la eŭropa kontinento; la groenlandanoj havas mensostaton malsimilan al la nia, kaj ili ne ĉiuokaze komprenas la signifon de la konstruado de komuna merkato. - Rigardante el Nuuk, la ĉefurbo de Groenlando, oni povus diri: Li pravas; Eŭropo situas tre malproksime; la eŭropanoj havas alian mensostaton kaj ne bone konas niajn kondiĉojn kaj aspirojn; ni timas esti muelitaj en tiu grandega potencocentro kaj ne volas esti apendico, radeto en la giganta maŝino kaj ties "premoj de la faktoj".

La foriro el la EK signifas por Groenlando la perdon de la mona "subteno" fare de EK, kies por-kapa sumo estas multe pli granda ol tiu donata, ekzemple, por suda Italio. Aliaflanke, la eksiĝo de Groenlando signifas por la EK perdon de valoraj fiŝkaptejoj kaj malfaciliĝon de aliro al la grandaj mineralaj rezervoj en la insulego. Groenlando tamen ne celas kompletan rompon de ĉiuj kontaktoj kun la EK, sed deziras asocian statuson kian havas iamaj britaj kaj francaj kolonioj. Tio donus al Groenlando la eblecon pli libere traktadi pri la fiŝkapto-rajto kaj la ekspluatado de la naturaj riĉaĵoj de la grundo.

La plej favoraj voĉoj pri la rezulto venas el la Feroaj Insuloj, kiuj, same neapartenantaj al la EK, havis malfacilaĵojn pro sia ekskluditeco el la tradiciaj rajtoj kapti haringojn en la Norda Maro apartenanta al la EK-teritorio. Same malfaciliĝis la kaptado en la akvoj ĉirkaŭ Groenlando. La feroanoj certe **prave** esperas ke la groenlandanoj pli volonte intertraktos kun malno-

va, same malgranda partnero ol kun la premaj kolosoj de la sudo. La feroanoj ankaŭ posedas la plej aktualan teknologion de moderna fiŝkaptado, kiun ili volonte disponigos kontraŭ favora traktado far la groenlandanoj. Tamen ambaŭ nacioj ankoraŭ ne sufiĉe evoluigis la produktadon kaj komercan disdonadon de la pli enspezigaj specialaj finproduktoj. Kaj ambaŭ ne havas la necesan kapitalon por pli grandskala industria evoluo.

Danaj voĉoj bedaŭras la foriron de Groenlando el la EK. Same kiel EK, ili diras ke ili volas faciligi la problemojn kiuj eble ekestos por Groenlando, sed la danoj ne intencas kompensi la forfalontajn subtenojn. Danlando, kiu, ne konsiderante la jutlandajn flintŝtonajn minejojn dum la ŝtonepoko, neniam disponis pri naturaj riĉaĵoj en la grundo, sekurigis por si la samrajtan decidon pri la ekspluatado de la groenlandaj mineraloj kaj ne perdos tiujn ambaŭflankajn rajtojn, sed la disponigo de necesa kapitalo far la EK por ties ekspluatado nun tre malfaciliĝis kaj la pozicio kontraŭ Groenlando malfortiĝis. Reprezentantoj de la politikaj partioj argumentis ke la groenlandanoj (kiuj ja en 1972 partoprenis la intensajn preparojn de la tiama samtema referendumo kaj de tiam neniam plu formetis tiun temaron) ne estis sufiĉe preparitaj por la nuna decido. Kiam oni samtempe uzas por Danlando la esprimon "Suddanlando", kio aŭtomate implicas la nomon "Norddanlando" por Groenlando, tiam oni demandas sin, ĉu eble tiuj reprezentantoj bone komprenas la verajn interesojn de la groenlandanoj.

Nu, kiel dirite, la tempo montros, ĉu la groenlandanoj ekonomie miskalkulis kaj eble estos pagintaj tro altan prezon por la stabiligo de la propra identeco, --- se entute por tio ĉi iu prezo povas esti tro alta.

Dirk Willkommen

(Atentu ankaŭ la resumon de raporto de prof. d-ro Theodor Veiter en paĝo 14.)

---

## LETERO DE LEGANTO

### *Albanoj kaj Kosovo*

Kiel oni skribas en ETNISMO 27, la albanoj en Jugoslavio protestas kontraŭ antaŭenigo de la serbaj lingvo kaj kulturo en Kosovo. Oni devas ankaŭ scii ke multaj albanoj loĝas ekster la "aŭtonoma" regiono kaj eventuala albana respubliko certe inkludus la urbon Ulcinj donante al la nova ŝtato buŝon al la maro.

Bedaŭrinde, se kompreneble, la alban-parolantoj en Kosovo, jam 80 % el ĉiuj enloĝantoj, volas plifortigi sin. Multaj serboj, kiuj jam de generacioj loĝas en Kosovo, suferis pro racistaj atakoj kun la celo devigi ilin forlasi la regionon kaj elmigri norden al la serba respubliko. La albanoj serĉas aliamaniere pligrandigi la procentaĵon: Multaj ciganoj estis devigitaj perforte enskribi sin kiel albanojn en la lasta popolnombrado. Oni ankaŭ atakis ciganojn kiuj konstruis siajn proprajn kulturajn centrojn. La albanoj ne nur volas forpeli la serbojn, sed ankaŭ engluti tiujn ciganojn por fari la regionon 100-procente albana.

Se la centra jugoslava registaro havus la kuraĝon elformi albanan respublikon (kiu ne havus precize la samajn limojn kiel Kosovo), tio forigus la timojn de la albanoj, kiuj siavice traktus pli bone la minoritatojn interne de la nova ŝtato.

Daniel Koenen

ETNISMO tre bonvenigas opini-esprimojn, korektojn, kiajn ajn kontribuaĵojn de la legantoj kaj principe pretas publikigi ilin, kvankam eventuale mallongigitaj. ETNISMO ne transprenas responson pri leteroj de legantoj. Se tia letero aperas pseŭdonime aŭ kun nom-mallongigo, ETNISMO konas la veran nomon.

# SOM UNA NACIÓ! (1)


Heribert Barrera, prezidanto de la Parlamento de Katalunio

La totalisma spirito de la frankismo pluimpregnas la pensadon de tiuj kiuj direktas la hispanan politikon. Cinike ignorante la signifon de la libereco de pensado kaj esprimado kiun ili pretendas defendi, ili neas al ni la rajton malkonsenti pri iliaj opinioj kaj esti aliaj. La leĝoj ankoraŭ ne permesas al ili finatingi siajn celojn kaj puni kiel delikton la publikan substrekadon ke Katalunio estas nacio, ke ni ne volas ke Katalunio estos definitive dulingva lando, ke tie ĉi ekzistas nur unu flago kiun ni konsideras nia kaj ke la Katalunaj Landoj estas kultura kaj historia realaĵo. Sed la morala premo antaŭeniras. Dum la pasintaj semajnoj jam aperis katalunoj kiuj, sub la preteksto eviti venenadon de la aferoj, konsilas rezigni propravole pri tiuj substrekadoj aŭ mallaŭtigi ilin. La provo senfortigi nin de ene ne estas nova kaj ne estas io alia ol la ripeto de la sukcesplena manipulaĵo, kiu - komence de tiu ĉi jarcento - kreis, el Madrido, la leruksismon (2) kiu malfruigis, je 25 jaroj, la aŭtonomion ĝis atingo en 1932.

Paralele al tiu ĉi rekta ofensivo kontraŭ la manifestacioj de nia identeco kaj kontraŭ niaj simboloj ekzistas la plej kamuflita provo daŭrigi la asimiladon surbaze de la t.n. unuformigo de la traktado de la aŭtonomioj. Ni diris plurfoje ke Katalunio ne estas la Manĉo kaj ke, do, ni ne povas akcepti ke, por eviti la supozatan kaoson kiu povus ekesti se la Manĉo estus traktata kiel volas esti traktata Katalunio, la sola vojo devas esti trakti Katalunion kiel, laŭ ilia kompreno, necesas trakti la Manĉon. Katalunio volas politikan aŭtonomion, kaj ni ne povas toleri ke, pere de la akordiĝo inter UCD (Unión de Centro Democrático - Unio de Demokrata Centro) kaj PSOE (Partido Socialista Obrero Español - Hispana Laborista Socialista Partio) kaj la sinsekvaj harmoniigoj, ĉio finiĝos en malgranda malcentrigo kie la plenumado de la magraj administraj kompetentecoj de la "Generalitat" (la tuto de la katalunaj aŭtonomio-aŭtoritatoj) pasos en la manojn de la provincestraroj. Se tiuj ĉi provoj sukcesus, malmultajn fojojn la mondo ĉeestintus tiel gigantan ridindigon kiel tiun kiun ni katalunoj suferintus dum tiuj ĉi ses jaroj de post-frankismo.

Al ĉio ĉi necesas diri NE kaj necesas diri tion kun energio. Videbliĝas ĉiun fojon pli klare ke la bonaj vortoj kaj la bonaj manieroj servas por nenio. El tio fontas la devontiga neceso de kunvenoj kiel la tago de Sankta Johano en la futbalstadiono "Camp Nou" aŭ tiu de la Pinarbo Tribranĉa de dimanĉo, la 19 de julio. La naciaj katalunoj, dormetigitaj per la triumfisma dirado de tiuj kiuj nianome konsentis pri la katastrofaj kompromisoj kiujn signifas la Konstitucio kaj la Statuto, devas vekiĝi kaj remobiliziĝi por la defendo de la rajtoj de Katalunio. De la efikpovo de tiu ĉi mobiliziĝo kaj de tiu ĉi defendo dependas nia postvivado kiel popolo.

---

(1) "Som una nació" signifas "Ni estas nacio".
(2) Leruksismo: Alejandro Lerroux y García (1864 - 1949) estis kastilia ĵurnalisto kaj politikisto respublikana kaj kontraŭklerikalista, kiu apogate far enmigrintoj akre kontraŭbatalis la katalunan aŭtonomiemon.

# NOVA POLITIKA FENOMENO EN KATALUNIO

Ene de la naciista panoramo de la Katalunaj Landoj kaj specife en la t.n. Princlando aperis, antaŭ unu jaro, nova populara mobiliz-fenomeno kiu atingis neantaŭvideblajn nivelojn, kaj ĝi promesas fariĝi grava forto estonte: Temas pri la "Alvoko por la defendo de la lingvo, la kulturo kaj la nacio katalunaj".

La registara ŝanĝo en la Hispana Ŝtato malmoligas ĝian politikan gvidlinion pri la "aŭtonomaj teritorioj" per reduktiĝo de la magraj povoj atingitaj de la respektivaj statutoj; per bremsado de la kompetentec-transdono pri ekonomiaj aferoj kiuj permesus la financadon de tiuj aŭtonomi-povoj; per kreado de ŝtataj organizaĵoj paralelaj al tiuj aŭtonomaj; per impulsado de diversaj leĝoj-dekretoj kiuj firmigas kaj pligrandigas fortan dislingvecon (diglosecon) sub la pretekstо de lingva samrajteco, ktp.

Iom post iom oni subpremas ĉiun naciistan manifestiĝon ĉu kulturan, ĉu politikan kaj iom post iom la popola kolero kreskas. Paralele la parlamentaj partioj, eĉ la maldekstro, prenas neniun klaran defendan sintenon antaŭ ĉi tiu kultura genocido kaj daŭre akceptas ian interkonsenton tre klaran ekde tiu fama 23-a de februaro 1981.

En tiu arda situacio aperas en madrida gazeto "Manifesto" subskribita de 2.300 intelektuloj (kiujn, escepte la unuajn dek, neniu konas), kaj en ĝi oni diras interalie ke en Katalunio la kastililingvanoj estas diskriminaciataj kaj eĉ subpremataj; ke la katalunaj institucioj altrudas la katalunan lingvon devige en la lernejoj kaj devigas la instruistojn forlasi siajn laborpostenojn se ili ne konas ĝin; ktp. Ĉi tiu dokumento, entute demagogia, forte disvastiĝas tra la tuta ŝtato, ĉar la registaro tion faciligas kaj ĝin oni prenas kiel pretekston por pravigi la baldaŭ aperontan leĝon pri harmoniigo de la aŭtonomioj.

(Daŭrigo en paĝo 5.)




La KATALUNAJ LANDOJ ampleksas la t.n. Princlandon (la hispaniajn provincojn de Girona, Lleida, Barcelona, Tarragona), la Reĝlandon de València (la provincojn de Castelló de la Plana, València, Alacant) sen la plej okcidentaj partoj, la Balearojn, la francian Rusiljonon, Andoron kaj la urbon L'Alguer en nordokcidenta Sardio (Italio), sume proksimume 60.000 km² kun 8 - 10 milionoj da katalunlingvanoj. (En la Aran-Valo oni parolas la gaskonan dialekton de la okcitana lingvo.)

En tiu ĉi situacio kaj en tiu ĉi momento la plej gravaj intelektuloj de la Princlando organiziĝas kaj alvokas al solidareco kaj al popola protesta mobiliziĝo en la Barcelona Universitata Aŭlo.
Pluraj kulturaj asocioj, inter ili CIEMEN, ÒMNIUM CULTURAL, ktp. komencas kampanjon por aliĝoj kaj subskriboj. Post nur unu semajno la reago estas tiel multnombra ke oni decidas organiziĝi per Konstanta Asembleo en kiu membru libervole ĉiuj kulturaj kaj civitanaj asocioj aliĝintaj al la Kampanjo. Post la unuaj kunvenoj oni verkas jenan ALVOKON:

POR DEFENDO DE LA LINGVO, LA KULTURO KAJ LA NACIO KATALUNAJ

La kataluna nacio formiĝinta dum jarcentoj estas nuntempa realaĵo kaj samtempe priestonteca projekto konfirmita surstrate en niaj urboj kaj vilaĝoj paceme, sed firme far milionoj da personoj. La naciaj realaĵoj kiel la nia estas agnoskitaj kaj protektataj en la internaciaj paktoj de la homaj rajtoj de la UN kies unua artikolo substrekas: "Ĉiuj popoloj rajtas je libera decidado. Laŭ tiu ĉi rajto ili libere establas sian sistemon kaj prizorgas ankaŭ sian ekonomian, socian kaj kulturan evoluon." Nia popolo neniam ĉesis postuli ĉi tiujn rajtojn post kiam oni estis forpreninta ĝian liberecon perforte, kaj post la violenta etapo subprema de la lasta diktaturo ĝi komencis reakiri la proprajn instituciojn tra la pacema pakto-vojo malgraŭ tio ke ĝi devis akcepti dekomence altruditajn limigojn. Tamen serio da simptomaj faktoj,kiuj amasiĝis de post la 23-a de februaro, prezentas motivon por pensi ke la procezo de nacia refirmiĝo, ĵus rekomencita, troviĝas en danĝero.

Plian fojon ni konstatas ke, en la historio de la Hispana Ŝtato, puĉon oni utiligas por ataki la diversajn aspektojn kiuj difinas la katalunan nacion: instituciojn, identecosignojn, kulturon kaj, tre signifoplene, la lingvon.

Antaŭ la provoj entute restarigi la centrismon en ekonomio, politiko kaj en socia ordigo kun samtempa malgrandigo de la povoj de la Parlamento kaj Registaro de la "Generalitat" ĝis sub tiuj minimumoj fiksitaj en la Kataluna Statuto, dum samtempe estas malhelpataj la statutoj de la Valencia Lando kaj de la /Balearaj/ Insuloj;

antaŭ la provoj konfuzi la publikon prezentante la aŭtonomion kiel problemon por la demokratio dum la reala alternativo estas: aŭtonomio aŭ diktaturo;

antaŭ la obstakloj por la libera evoluo de la kataluna kulturo kiuj malebligas ĝian normalan prezentiĝon en la amaskomunikiloj;

antaŭ la projekto altrudi superan inspektadon, kun politika cenzura rajto, en la instruado kaj eĉ malgrandigi la aŭtonomion de la edukcentroj inkluzive de la universitato;

antaŭ la premoj por dividi la unuecon de la kataluna lingvo, la provokoj por starigi parton de la enmigrinta loĝantaro kastililingva kontraŭ la propra lingvo de la lando kaj malhelpi la lingvan normaligon kaj reakiron;

fine, antaŭ la rifuzo akcepti la ekziston de nia nacio, ni

DEKLARAS nin pretaj:

1. defendi la demokratiajn instituciojn de la kataluna popolo kaj tial repuŝi kian ajn normon kiu malvastigus iliajn kompetentecojn;

2. urĝi la partiojn kaj politikajn movadojn, sindikatojn, urbestrarojn kaj reprezentajn asociojn preni klarajn kaj deci-

dajn starpunktojn favore al la minacataj naciaj rajtoj;

3. plene apogi la kampanjon por ke la sociaj amasmedioj en nia areo alprenu katalunajn enhavojn, uzu la katalunan lingvon kaj donu prioritaton al tiuj aferoj kiuj rilatas al niaj naciaj rajtoj;

4. impulsi la normaligon de la uzo de la kataluna lingvo en ĉiuj sektoroj de la kolektiva vivo, sen plursenceco nek malforteco kiuj ĉiam favoras la diskriminacion kontraŭ la kataluna; tiusence ni plene apogas la Deklaracion hieraŭ subskribitan far diversaj eminentuloj kontraŭ la tiel nomata "Manifesto por la lingva egalrajteco en Katalunio";

5. garantii kontraŭ ĉiuj manipuladoj la respekton al la rajtoj de la enmigrintoj ne katalunlingvaj kaj faciligi ilian libervolan integriĝon en la komuna tasko de nacia rekonstruado en klimato de paca kunvivado;

6. fortigi la kunlaboradon inter la Katalunaj Landoj nuntempe viktimoj de intensa divido-politiko;

7. solidariĝi kun la justaj postuloj de la aliaj popoloj de la Ŝtato;

8. peti la inspektadon far la kompetentaj internaciaj organizaĵoj por ke ili konstatu kaj juĝu senpartie la situacion de la lingvo kaj kulturo kaj la realajn eblecojn praktiki la rajton de la katalunoj sin regi laŭ la agnoskitaj principoj de la menciitaj paktoj de la UN.

La kataluna popolo sciis en aliaj okazoj reagi firme antaŭ la agresoj. Venis la momento por restarigo de nia popolo kiu donu kontinuecon kaj firmecon a la defendo de la lingvo, la kulturo kaj la nacio katalunaj.

Barcelona, la 18-an de marto 1981.

Komenciĝas serioza mobiliziĝo laŭcele kolekti subskribojn, urbestrarajn aliĝojn kaj informajn kunvenojn en diversaj urboj organizitaj far lokaj komitatoj kiuj estas formitaj de la propraj civitanaj kaj kulturaj asocioj, dum la parlamentaj politikaj partioj preskaŭ ĉiam ekskludas sin.

En tiu momento la ALVOKO antaŭvidas amasan kaj centran aranĝon por la 24-a de junio, dato kiun de antaŭ kelkaj jaroj oni potencigas por ke ĝi fariĝu la "tago de la Katalunaj Landoj". Temas pri la projekto plenplenigi la Barcelonan futbalstadionon "Camp Nou" sub la devizo "NI ESTAS NACIO", fakto kiun la ministro Martín Villa neis denove antaŭ kelkaj tagoj. Antaŭ la skeptikeco de la partioj kiuj estas konvinkitaj pri la neebleco grupigi 100.000 personojn en tiu ĉi momento de politika elreviĝo, ĉar ili mem delonge ne kapablas kunvenigi pli ol 20.000 personojn en manifestacioj kiujn ili juĝis pli gravaj, komenciĝas dua popola mobiliziĝo ĉie en Katalunio kun la celo plenigi la stadionon kaj ebligi ke ni kune diru "NI ESTAS NACIO".

Du semajnojn antaŭ la fiksita dato, kiam oni antaŭvidas ke la celo povos realiĝi, la parlamentaj politikaj partioj, ĉefe PSC-PSOE (t.e. la HLSP en Katalunio) kaj PSUC (t.e. la komunista partio en Katalunio) kiuj havas la plej grandan parton de la maldekstrulaj voĉoj en Katalunio, iniciatas bojkotan kampanjon kun la celo nuligi la aranĝon, partoprenante en organizaj asembleoj kaj distribuante konfuzajn aŭ falsajn informojn al la gazetaro. PSC-PSOE eĉ publikigas ke dum la aranĝo oni parolos nur pri la defendo de la Konstitucio, kio momente provokas malmobiliziĝon en kelkaj komarkoj kie malfacile alvenas la rektaj informoj de la ALVOKA asembleo.

Kvar tagojn antaŭ la okazaĵo kaj pro la neeblo bremsi la aranĝon kiu unuafoje sukcesis mobilizi grandan nombron sen helpo de la partioj, ĉi tiuj aliĝas al la aranĝo.

En tiu preciza momento la supera provincestro, rekta reprezentanto de la Hispana Ŝtato, minacas nuligi la kunvenon se oni legos la MANIFESTON aprobitan de ĉiuj asocioj kaj kiun la partioj ne sukcesis modifi.
La 24-a de junio 1981 rolos historie kiel venko de la kataluna naciista movado, kiu kun reago absolute populara, malgraŭ la bojkoto far la ŝtataj partioj kaj la minacoj de malpermeso, sukcesis ke 100.000 voĉoj unuanime kriis "NI ESTAS NACIO!".

Tamen la motivo de ĉi tiu artikolo ne estas raporti pri tiu dato, sed paroli pri la ALVOKO, ĉar la mobiliziĝo ne finiĝas ĉi tie. La 11-an de septembro ĉiujare okazas la DIADA (t.e. proksimume: "intensa tuttagaĵo"), kiu memorigas la invadon, en 1714, far la armeo de Filipo la Kvina en Katalunion kaj la falon de Barcelono. Ĉiujare ĝi havis sintenon pli-malpli postuleman kun naciista karaktero kaj ĉiujare la Madrida registaro malfideme rigardis ĝin.
Okazas ke ĉi-jare la partioj fidelaj al la "interkonsento" antaŭ la neevitebla bezono kunvoki manifestacion akordas ĝin okazigi sen unueca devizo: Iuj faros tion por la demokratio, aliaj por la konstitucio, pliaj kontraŭ la membriĝo en NATO, ktp., sed neniu proponas ian naciistan postulon en ĉi tiu momento en kiu oni preparas tiun Harmoniigan Leĝon.
La Asembleo de asocioj, kiu ne antaŭvidis sian partonprenon kiel tia en la manifestacio, ĉar ĝi opiniis tion afero de la partioj, konstatante ke ili perfidas la postuleman kaj naciistan sintenon kiu ĉiujare ripetiĝas kaj samtempe ili rifuzas la devizon "NI ESTAS NACIO", denove mobiliziĝas, sed sub la devizo "NI ESTAS NACIO". La rezulto estas tia ke post la senenhava manifestacio de parlamentanoj ĝi sukcesas grupigi pli ol 100.000 personojn kiuj laŭte prklamas "NI ESTAS NACIO" sendepende de ilia partianeco. Duafoje kaj neatendite mobilizforto de la partioj estas superita, kaj unuafoje en la historio de Katalunio post Filipo la Kvina partoprenas en tiu mobiliziĝo movado tute senpartia kun tre populara konsisto: la ALVOKO.

Antaŭ ĉi tiuj okazintaĵoj oni planas



# LA ALIAJ KATALUNIANOJ

Enmigrado al Katalunio certe ne estas fenomeno de niaj jaroj: Ĉi tiu regiono ĉiam magnetis por la aliaj partoj de la duoninsulo. Sed interesas la ŝanĝiĝoj de la deveno:

En 1975 61,9 % de la enloĝantoj de la Princlando estis tie naskitaj, kaj en 1930 estis 62,86 %. La procentaĵo de personoj naskitaj en Andaluzio preskaŭ kvarobliĝis: 1930 - 4,24, 1975 - 15,7. Dum en 1930 vivis en Katalunio nur 2.500 homoj el Estremaduro, en 1975 estis 184.163 (0,25 % kaj 3,2 %). Unuavide surprizas la inverso rilate al la najbaraj Aragono kaj Valencia Lando: En 1930 8,05 % de la katalunianoj estis naskitaj en Aragono, dum en 1975 estis nur 3,1 %, kaj la procentaĵo de Valenci- (kaj Murci-)naskitoj falis de 13,21 al 4,2, kvankam la nuna absoluta nombro multe superas tiun de 1930 (244.926 en 1975 kontraŭe al 132.806 en 1930).

En septembro 1979 la semajnrevuo CAMBIO 16 demandis titolpaĝe: ĈU KATALUZOJ AŬ ANDALANOJ? En la ĉefartikolo oni kontrastigis du ekzemplajn kazojn: la 29-jaran Julio Vargas Magdaleno, el la provinco de Granado, kiu havas andaluzan edzinon kaj infaneton, laboras kiel klimatizisto kaj neniel pretas lerni la katalunan, kaj la 65-jaran Ramón Fernández Jurado el la provinco de Almerio, kiu de 60 jaroj vivas en Katalunio kaj post pensiiĝo kiel meblisto oficas nun kiel ..... instruisto de la kataluna lingvo kaj tradukisto inter tiu ĉi kaj la kastilia lingvoj. (Krome, laŭ la revuo, li parolas la Internacian Lingvon.) Dum Vargas nur revas pri reiro al Guadix kie li naskiĝis, Fernández estas plene integrita en la katalunan socion konstatante pri la enloĝantoj de sia loĝkvartalo en Hospitalet de Llobregat (kie vivas ankaŭ Vargas): "90 % estas enmigrintoj, kaj ni 10 % estas katalunoj." Pli kompleta integriĝo ne imageblas.

ĝian kontinuecon, kaj sisteme oni respondas per manifestoj la atakojn de Madrido kaj la sintenon de la centristaj partioj, precipe PSC-PSOE kiu nun paktis la Harmoniigan Leĝon kun UCD, la registara partio, kaj kontrolas ĝian aplikon ĉi tie en Katalunio, ĉar UCD havas nenian influon en la Princlando.
Nun la Komisiono de la ALVOKO planas plenumi la dekomence aprobitajn punktojn kaj studas la eblecon krei civitanajn komisionojn tra la tuta Princlando kun la celo mobilizi plej amplekse ne nur pri tio kio rilatas al la kulturo kaj la lingvo, sed eĉ pri ĉio rilatanta la nacion. Se oni sukcesas tion atingi, ekfunkcios en Katalunio movado tute nova kiu permesos respondi ne nur la kulturajn agresojn, sed ankaŭ aliajn pli fortajn kaj subtilajn, pri kiuj la partioj silentas, kiel la teritorian uzurpon (40 % de la kataluna subtero oni rezervis, per dekreto-leĝo, por uraniaj elfosadoj) aŭ la malpurigon de riveroj, de la Mediteraneo, ktp. Malgraŭ ĉio la partioj surprizitaj ankoraŭ ne findecidis rekte apogi la ALVOKON pro centrismaj ordonoj. Se tiu movado, antaŭ kelkaj monatoj neimagebla, daŭrigas kun sama energio, estonte oni devos serioze rekonsideri la popolan movadon en Katalunio sen interveno de la maldekstrulaj partioj, fakto kiu devigos analizi eĉ la koncepton mem de "maldekstruloj". Sed tio estas temo por alia artikolo.

Sebastià Ribes / Llibert Puig
(ambaŭ Sabadell)

---

ALBA: COMUNN CEILTEACH • BREIZH: KEVRE KELTIEK
CYMRU: UNDEB CELTAIDD • EIRE: CONRADH CEILTEACH
KERNOW: KESUNYANS KELTEK • MANNIN: COMMEEYS CELTIAGH



CELTIC LEAGUE

General Secretary: Alan Heusaff
9, Br. Cnoc Sion, Bàile-Àtha-Cliath 9 Eire (Phone 373957)

La K E L T A L I G O informas pri novaj kazoj de malliberigo de junaj bretonoj. Herve Kerrain kaj Bernez Korbel antaŭ iom pli ol du jaroj fuĝis al Ejro (Respubliko Irlando) por eviti soldatservon en la franca armeo. Ili reiris al Bretonio pasintan aŭguston supozante ke la amnestio proklamita de Mitterand post la balotoj permesos al ili liberan vivon. Tamen ili estis vokitaj al Rennes, kie oni komunikis al ili ke ili devos soldatiĝi. Tion ili rifuzis argumentante jene: "Ni estas bretonoj kaj ni ne deziras servi ŝtaton kiu neas niajn naciajn rajtojn." Ili estis arestitaj kaj atendis sian proceson. Antaŭ mallonga tempo Yann Ber ar Mat, Yannig Coraud kaj Noel Even estis kondamnitaj al po unu jaro de malliberеco pro sama sinteno. Jam du pliaj bretonoj, Jean F. Jaffre kaj Francis Le Gall, troviĝas en sama aresto pro sama rifuzo soldatservi.

Nepre necesas demandi la francajn aŭtoritatojn ĉu tiuj ĉi kazoj ne perfekte taŭgas por kompari c i v i t a n a j n d e v o j n kaj r a j t o j n. Ĉu la rajto vojaĝi tra tuta Francio kaj "ĝui" kompletan franclingvan instruadon kompensu la devon soldatservi en ekzemple Ĉado kie la junaj bretonoj kaj vaskoj, alzacanoj kaj aliaj certe ne defendas s i a j n proprajn interesojn?

Subtenu la rifuzantojn arestitajn respektive enkarcerigitajn per jenaj paŝoj:

1. Skribu al la franca ambasadoro en via lando esprimante vian simpation kun la koncernatoj kaj postulante ilian tujan liberigon.

2. Organizu petici-subskribadon inter viaj gekolegoj, amikoj ktp. kaj sendu la tekston kun la subskriboj al la franca ambasadoro en via lando.

3. Informu la Keltan Ligon kaj ETNISMOn pri viaj paŝoj.

# PRI SAMEOJ :

(Komparu la artikolojn de Dirk Willkommen pri "Sameoj - popolo en kvar ŝtatoj", "Kial esti sameo?", "Same-skolan - en bluff?", "Kontraŭ sameoj: elektro aŭ boacoj?" en ETNISMO 17 kaj 24 de 23. 12. 77 respektive 24. o7. 8o.)




suda limo de la vivregiono de la sameoj

## LA LAPONOJ DE NORVEGIO KAJ ILIA HISTORIO

Jen la titolo de 8-paĝa A-4-formata broŝureto eldonita, en la Internacia Lingvo, far la Reĝa Norvega Ministerio de Eksteraj Aferoj en 1981. La aŭtoro estas profesoro d-ro Asbjørn Nesheim, kaj la tekston tradukis el la norvega Erling Anker Haugen.

La kajereto prezentas, inter aro da fotoj pri sameaj domoj kaj tendoj, boacoj kaj tipaj vestaĵoj kaj moderna neĝ-skutero, multajn informojn sub jenaj paragraf-titoloj: La laponoj, civitanoj de kvar nacioj - Lingvo kaj prahistorio - La kultura heredo de la laponoj - Novaj vivrimedoj - Felkomerco kaj impostado - La antikva lapona socio - La antikva religio de la laponoj - Kristana misio - Folkloro - La hodiaŭaj lapongrupoj de Norvegio - Transformiĝado de malnova kulturo - Lapona arto kaj beletro. Agrable surprizas ke la ministeria teksto estas prudente kritika koncerne la ĝisnunan sintenon de la norvegoj (kaj svedoj) rilate la sameojn montrante la negativajn aspektojn de okupado de la sameaj teritorioj kaj de la industria utiligo de la nordprovincaj riveroj. - Iom ŝoketas eventuale la malklara mapeto en la lasta paĝo kun komplete ... anglalingva klarigo. Facile la tradukinto povintus refari la mapon kaj tiel pligrandigi ĝian valoron. Petu senkostan ekzempleron ĉe: Norvega Esperantista Ligo, Olaf Schousv. 18, Oslo 5, Norvegio, aŭ ... provu akiri ĝin ĉe la norvega ambasado vialanda!

# KONCIZE EL.....

VELINGTONO. Ekestis nova partio: "Mana Motuhake" (t.e. "Nia Heredaĵo") celas defendi la interesojn de la maorioj, kiuj - laŭ partiestro Matiu Rata - ankoraŭ vivas sen tero, sen celo, sen laboro. Dum ili estas proksimume 1o % de la enloĝantaro de Novzelando, ili posedas nur malpli ol 4 % de la terenoj. Tio signifas ke la blankuloj rabis el la maoriaj manoj, dum la pasintaj 14o jaroj, gigantajn teritoriojn, ĉar ĉirkaŭ la mezo de la pasinta jarcento la maorioj posedis ankoraŭ 6o % de la terenoj! Pli ol triono de la novzelandaj indiĝenoj vegetas en kaj ĉirkaŭ la urbego Auckland, kompreneble multkaze sen trovi labori kaj ofte sen havi kvalifikojn profesiajn. El la 11.ooo studentoj de la ĉefurba universitato nur 6oo estas maorioj. Kiel en aliaj ŝtatoj, ankaŭ en Novzelando la regantoj propagandas la "integriĝon" de la maorioj, sed tiuj ĉi precize ĉi tion kontraŭstaras sciante ke integriĝo signifas rezignon pri ĉiaj maoriaj propraĵoj, pri kultura identeco. La nova partio, kies politikaj radikoj troveblas precipe en la laboristaj medioj, jam havas 18.ooo membrojn kaj celas plenan partoprenon de la maorioj en ĉiuj sociaj aferoj.

LJOUWERT. En la ĉefurbo de Frislando okazos, de la 6-a ĝis la 1o-a de septembro 1982, internacia konferenco pri "DULINGVA EDUKADO". Oni anoncis partoprenon de mondvaste konataj specialistoj, ekzemple de Joshua A. Fishman (Usono). Informojn donas: Koen Zondag, p/a GCO/MSU, Sixmastrjitte 2, NL-8932 PA Ljouwert/Leeuwarden.

SARAGOSO. La regiona gazeto "Heraldo de Aragón", pasintan someron, publikigis foton kiu montras surmure skribitan postulon: "IGUALS DREITOS TA LA CHEN QUE CHARRA L'ARAGONÉS" (t.e. proksimume "Samajn rajtojn a la homoj kiuj parolas la aragonan"). Fakte, la aragona lingvo estas kutime forgesata kiam temas pri la latinidaj lingvoj kaj eĉ kiam oni listigas la lingvojn de Hispanio. Tiu aragona estas aŭtentika "filino" de la latina, dum la kastilia estas ia bastardo malfrua trudita kaj ankoraŭ nun trudata al la andaluzoj, katalunoj, vaskoj, galegoj, asturoj kaj aragonanoj. La aragonan, en diversaj dialektaj formoj, parolas nuntempe proksimume 2o.ooo personoj en la nordaj valoj de la provincoj de Saragoso kaj Huesca.

GHIALÒ TU VÚA. La 1-an de decembro 1981 estis publikigita la 8-a numero de modesta, sed tre interesa bulteneto. "I RIZA" estas verkita dulingve, kompreneble en la oficiala ŝtata lingvo, la itala, kaj en la vera popola lingvo kiu daŭrigas la tradicion de pli ol 2.5oo jaroj: la g r e k a. La ĉefa teksto prezentas kvazaŭ jarraporton pri la aktivado de la greka kultur-grupo, kiu havas viglajn kontaktojn kun Grekio, precipe kun Tesaloniko, kiu donis stipendiojn al du el siaj anoj por studoj en Grekio kaj kiu konstatas, amare, ke la celo enkonduki la grekan lingvon en la lernejojn de la grek-lingva regiono de Kalabrio fiaskis. La grupo, tamen, mem organizis lingvo-kursojn. Se vi legas la italan aŭ la grekan kontaktu tiun grupon: Cirkolo Greko di Kultura, p/a Delegazione Salesiana, I - 89o35 Ghialò Tu Vúa (Bova Marina).

MONTALBAN. La nova franca ministro pri edukado, Alain Savary, diris en la okcitana urbo Montalban, okaze de kolokvo pri la regionaj lingvoj (19-a kaj 2o-a de oktobro 1981) interalie: "Surbaze de la leĝoj de 1951 kaj 1975 oni donis al la infanoj certajn kursojn kaj instruistoj estis preparataj, sed ne ekzistas totala perspektivo, kaj fakte la aferoj estas farataj sen kuraĝo kaj grandanimeco. La ekektiviĝoj okazas nur pro la obstineco de kelkaj instruistoj kaj oni rigardas ilin malfideme kiam aperas ankaŭ aspiroj pri pli da aŭtonomio de la regionoj. Fidela al siaj promesoj la registaro agnoskas la personecon de la regionoj, kaj ĉio ĝis sufokita devos repreni sian lokon en la intima ĉirkaŭo de la infano ..."

# GRANDA ALBANIO – REVO?

Antaŭ malmultaj jaroj la Kosovana Ligo, asocio de alban-etnaj rifuĝintoj el Jugoslavio, kies sidejo estas en Usono, distribuadis la ĉi-apudan mapon. Ĝi pretendas montri la kompleton de la teritorio en Albanio, Jugoslavio kaj Grekio kiu devus aparteni al la albana popolo. Kvankam evidentas troigoj (ekz. la makedona ĉefurbo Skopje neniel estas majoritate albana), tamen enestas ia vero: Albanoj tute ne nur vivas en Albanio kaj la Aŭtonoma Regiono Kosovo (apartenanta al la jugoslavia respubliko Serbio), sed ankaŭ en la najbaraj Montenegro, Makedonio kaj greka Ĉamerio. (En la greka ŝtato sume oni taksas ke ekzistas inter 50.000 kaj 100.000 albanlingvuloj.) Aldonendas la 80.000 aŭ 100.000 albanoj vivantaj en suda Italio kaj Sicilio (kp. ETNISMOn 21, p. 17 - 19). Ni memoru ke la mezaj kaj grandaj ŝtatoj neniam permesis aŭtentikan tutalbanetnan ŝtaton!




Ekster Albanio la loknomoj estas indikitaj unue en la albana kaj poste en la respektiva ŝtata lingvo.

# TAMILOJ – DUAKLASAJ SRILANKANOJ

Inter la proksimume 15 milionoj da enloĝantoj de Srilanko (iam: Cejlono) estas 3 milionoj da tamiloj kaj 11 milionoj da singaloj. Dum la singaloj devenas el norda Hindio kaj havas hindeŭropan lingvon, la tamiloj havas sian originon en suda Hindio kaj parolas "dravidan" lingvon. La singaloj estas budhanoj, la plimulto de la tamiloj estas hinduoj, kelkaj estas katolikoj, aliaj mahometanoj.
Necesas, por kompreni la problemojn, diferencigi inter la indiĝenaj tamiloj, precipe de la Japno-duoninsulo kaj la cejlona nordo, kaj la hindidevenaj tamiloj. La unuaj tamiloj enmigris, simile kiel la singaloj, al Cejlono supozeble antaŭ 3.000 jaroj, kaj oni hipotezas ke jam ĉirkaŭ la era-limo ekzistis grava tamila literaturo. La tamiloj kaj singaloj forpuŝis la praloĝantojn de la insulo, la vedaojn, kiuj parencas kun la aŭstraliaj indiĝenoj. Ĝis la mezo de la 17-a jarcento la tamiloj havis sian propran sendependan reĝlandon en norda Cejlono, dum la singaloj okupis la sudon. La dua grupo de tamiloj eniris la landon depost 1600 kiel malaltsalajraj laboristoj de la portugalaj, nederlandaj kaj anglaj koloniistoj.

Dum la t.n. kafo-periodo (1830 - 1870) dekmiloj da tamilaj viroj sezonlaboris en Cejlono kaj poste reiris al Hindio, se ili ne mortis en la insulo. En la sekvanta t.n. teo-periodo (1870/80 - 1930) la kolonimastroj utiligis ankaŭ virinojn kaj infanojn en la teo-kultivado, tiel ke venis tutaj familioj kiuj apenaŭ reiris al Hindio. La tutmonda ekonomia krizo de 1929/31 malfortigis la teokonsumadon en la monda merkato kaj kaŭzis haltigon de enmigrado al Cejlono, eĉ 100.000 tamiloj reiris al Hindio.

Cejlono memstariĝis en 1948 kaj baldaŭ poste komencis sian propran koloniismon internan kontraŭ la ne-singalojn: En julio 1956 ekvalidis la "Leĝo pri la Oficiala Lingvo", kiu praktike deklaris la singalan la sola oficiala lingvo de la juna ŝtato kaj tiel dividis la civitanojn en du malamikiĝontajn naciajn kaj politikajn tendarojn. La ŝtatfunkciuloj evidente devas scipovi la singalan, kio denove frapis apartan grupon inter la tamiloj: Junaj tamiloj, relative bone instruitaj en la misiistaj lernejoj, estis eklaborintaj en la brita kolonia kaj poste cejlona administracio kaj post la Leĝo devis forlasi siajn postenojn. Aldoniĝis singalisma interna koloniigo de la sekec-regiono, el kiu 300.000 tamiloj fuĝis pro atakoj suferitaj far singaloj. Jam en 1958 la plebo murdis 500 tamilojn. Singalaj kristanoj violente kontraŭstaras tamil-lingvajn mesojn en singalaj loĝregionoj.

En antaŭaj jaroj la tamilaj politikistoj estis postulintaj agnoskon de la normalaj civitanaj rajtoj por tamiloj, sed en 1970 oni pli klare formulis postulojn de aŭtonomio, kaj la 14-an de majo 1972 estis fondita la "Unuigita Tamila Fronto" (ekde 1976: "Unuigita Tamila Liberiga Fronto). Ĝi plupuŝis la aŭtonomio-postulojn kaj deklaris kiel celon la kreon de suverena tamila ŝtato sub la nomo Ilamo. El 168 seĝoj de la Srilanka parlamento la UTLF konkeris 18 en 1977 kaj tiel pligrandigis sian frakcion depost 1970 je 5 deputitoj. Inter la UTLF-anoj troveblas malplimulto kiu pensas ke la celoj estas atingeblaj ekskluzive per violentado. Konsekvence la registaro decidis kontraŭterorisman dekreton (19. 07. 1979), kiun ĝi - kompreneble - aplikas ne nur kontraŭ la violentistojn, sed tutsimple kontraŭ ĉiuj opoziciuloj. Arbitraj arestoj, torturado, mortigoj eĉ de neniel implikitaj personoj estas "normalaĵo". Precize de la nuntempe reganta Unuigita Nacia Partio de J. R. Ĝajavardene (ŝtatestro) oni atendis tu-

te alian politikon, ĉar UNP estis promesinta, antaŭ la balotoj, radikalan ŝanĝon de la pri-tamila sinteno de la ŝtato!

Hindio paktis kun Srilanko "retransprenon" de pli ol 500.000 "hindiaj" tamiloj, kiujn Srilanko estis senhezite deklarinta senciviteсaj. Tiel Hindio partoprenas la genocidon praktikatan kontraŭ la tamiloj kiun kulpas la "Demokratia Socialista Respubliko Srilanko".

(Laŭ la artikolo "Gutachten zur Situation der Tamilen in Sri Lanka" aperinta en n-ro 82 de "pogrom", Göttingen, FRG, p.34 - 36.)



# GROENLANDA AŬTONOMIO

## (LAŬ RAPORTO DE PROF. D-RO THEODOR VEITER)

Post pli ol dudek-jaraj intertraktadoj, la 1-an de majo 1979 ekvalidis leĝo pri aŭtonomio kiu havas - kompare kun aŭtonomio-statutoj en Eŭropo kaj aliaj kontinentoj - tre specialajn trajtojn: la leĝo pri memregado de la groenlandanoj, kiuj konsistas el sume proksimume 50.000 personoj, el kiuj 8.000 estas eŭropanoj (precipe danoj, evidente), 9.000 aŭtentikaj eskimoj kaj la resto ... nu, "groenlandanoj", t.e. eskim-danoj aŭ dan-eskimoj, koncize: nova etno!

La groenlandanoj nun havas propran tut-insulan parlamenton kun 21 deputitoj elektitaj en diversaj distriktoj laŭ la principo de ĝenerala kaj sama voĉdonrajto. La kvar partioj de tiu ĉi parlamento estas neniel kompareblaj kun tiuj de Danlando. Krome Groenlando hvas sian propran registaron. La parlamento havas vastajn kompetentecojn: Ĝi decidas, forme de propraj leĝoj, pri la interna ordo, pri rektaj kaj nerektaj impostoj, pri la lerneja sistemo, pri socialaj aferoj kaj labor-administracio, pri radio (kaj la baldaŭ instalota televido), pri bibliotekoj kaj aliaj kulturaj aferoj, pri komerco, industrio kaj metioj inkluzive de la tiom grava fiŝkaptado.

La unua oficiala lingvo estas la groenlanda ("kalaallit", laŭ la nova ortografio anstataŭ la antaŭa "kaladlit"). En la ĝeneralaj lernejoj oni devas lerni, kiel fremdan lingvon, la danan kiu havas la rangon de dua oficiala lingvo. Reale, tamen, la dana estas la ĝenerale uzata lingvo kaj ĝin anstataŭos la groenlanda nur post multaj jaroj, probable. La groenlandanoj, inter ili ankaŭ la iama ministro pri Groenlando, Knud Hertling, kaj la nuna ĉefministro de Groenlando, Jonathan Motzfeld, plendas pro la aktuale ankoraŭ ekzistanta dana lingvo-imperiismo, kies radikoj troveblas ĉe la misiisto Hans Egede. Li ja multe klopodis pri konservado de la eskima kulturo, sed same intense danecigis la homojn, tiel ke pluraj groenlandaj junuloj rigardas la grandan Egede-monumenton en la malnova haveno de Godthåb/Nuuk nur malbon-sente.

Gravas memori ke la komerca vivo estas, plejparte, ankoraŭ direktata far la "Reĝa Groenlanda Komerco" forme de praktika monopolo. Jes ja, ĝi fakte bonege liveras ĉiutagajn kaj luksajn varojn ĝis ĉiu malgrandega domaro en la insulego, kaj ĝiaj dungitoj estas kutime groenlandanoj, sed ĝin anstataŭigi per groenlandana organizo oni ne povas pro manko de sufiĉe preparitaj indiĝenoj. Simila kazo estas la poŝto: En somero 1981 ekzistis 23 groenlandaj poŝtmarkoj kun tiulandaj motivoj, sed efektive la groenlanda poŝto plene dependas de la - speciale por-groenlanda - poŝta administracio en Kopenhago!

Se en aliaj minoritataj regionoj tiom gravas la lingvo(j) uzata(j) sur loknomaj tabuloj, oni "solvis" tiun ĉi problemon plej simple en Groenlando: Ne ekzistas stratoj inter municipoj! Ĉar la plej longa strato, iranta de la haveno de Nuuk al la nova flughaveno, estas nur 6-kilometra kaj ne pasas alian municipon, nomtabuloj por anonci alvenon en alia municipo superfluas.

La menciita flughaveno de la ĉefurbo portas ekskluzive la groenlandan nomon, dum la plej grava flughaveno, en kiu alvenas la internaci-liniaj aviadiloj, Søndre Strømfjord, montras nur tiun ĉi danan formon. (La groenlanda estas: Kangerdlugssuaq.)

Dulingvajn stratnomojn oni trovas nenie. La plimulto estas danlingvaj, sed troveblas ankaŭ sufiĉe multaj nur groenlandlingvaj, ekzemple la ĉef-strato de Nuuk havas nur la nomon "Quagssungoaq". En Egedesminde / Aasiaat ne aperas lingva problemo: La stratoj havas nur numerojn ...

* * * * * * * * * * *

# DUBEMIGAJ ĜERMANOJ PLIFORTIĜAS

La 25-an de oktobro 1981 okazis oficiala popolnombrado en Suda Tirolo, t.e. en la provinco Bozen/Bolzano, Italio. La nombratoj d e v i s indiki ĉu ili konsideras sin parolantoj de la germana, de la itala aŭ de la romanĉa lingvo. (En aliaj minoritataj regionoj oni parolus pri progreso se la homoj r a j t u s mencii sian lingvogrupon.) Certe estas utile scii kiom da personoj apartenas al la koncernataj grupoj, kaj, krome, tia lingvano-nombrado necesas por plenumi la interkonsentojn inter la registaro de Italio kaj la sudtirola registaro koncerne la proporcion de ŝtatfunkciuloj el ĉiu lingvogrupo. Precize tio ĉi ne estas ankoraŭ kontentige realigita surbaze de la "pakaĵo" da interkonsentitaj reguloj el 1969.

Pasintan jaron deklaris sin germanlingvaj 66,4 % el la sudtirolanoj, 29,4 estas itallingvaj, kaj 4,2 romanĉoj. Kompare al la rezultoj de 1971 estas ekstreme interese konstati ke nun ekzistas 3,4 % pli da germanlingvuloj, dum 3,9 % malpli da italoj estas registritaj kaj la nombro de la romaĉoj kreskis je o,5 % el la tuta loĝantaro. Tamen, ankoraŭ nun - malgraŭ (mal-)kresko je 4,2 % (4,5) en la municipoj de pli ol 1o.ooo civitanoj 58,6 % estas italoj.



Antaŭ pluraj jaroj Silvius Magnago renkontis sian kolegon, la bavaran ĉefministron Alfons Goppel. Ili praktikadis naturan kunlaboradon trans ŝtat-limojn.

Kion signifas tiu rezulto? Ĉu ĝi helpos, ĉu ĝi obstaklos la efektivigon de la "pakaĵo"? La legantoj de ETNISMO memoros la komentitan raporton en n-ro 24, p. 15, kaj la reagon en n-ro 25, p. 15 - 17. Ŝajnas ke la ĉefreprezentanto de la plimulto, la provinca ĉefministro d-ro Silvius Magnago, ne kontribuas tre intense al malstreĉiĝo de la situacio: En intervjuo aperinta la 5-an de junio 1981 (do, antaŭ la popolnombrado) en la multe legata taggazeto "Münchner Merkur", Munkeno, FRG, ĉi tiu d-ro Magnago uzis esprimon almenaŭ suspektindan. Jen la demando kun la respondo:

Heim (intervjuisto): La sudtirolanoj rezultis unuiĝitaj post la faŝisma subpremo kaj la kunfrontiĝo de la 5o-aj kaj 6o-aj jaroj. Ĉu ne ekzistas nun la danĝero ke ili fermos la okulojn, perdos sian identecon kaj solviĝos en miksaĵ-kulturo, nun en tempo de kompromiso kaj bonfarto?

Magnago: Kompreneble la atentemo povas malpliiĝi des pli multe ju pli oni bonfartas. En la faŝisma periodo ĉiun agon sekvis reago, almenaŭ interne. Nuntempe la danĝero ne troviĝas en fizika penetrado, sed en la eventualo de mense-kultura penetrado; tie oni ne vidas tiel klare la malamikon. La sudtirolanoj pluportos sian nomon, sed ili pensos alie. Ni povus fali en kirlaĵon de la itala mentaleco kaj kulture absorbiĝi.

ETNISMO substrekis la decidan esprimon. Dum regas tia mentaleco, la italoj estas protektindaj malgraŭ ĉiuj maljustaĵoj ankoraŭ ekzistantaj kontraŭ la germanlingvuloj!

# ĈU BAJUVARA VEKIĜO?




Klarigoj:

........ nunaj administraj limoj

——— limo de la bajuvar-etna regiono

- - - - limoj de la bajuvaraj subregionoj

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 | Arbario | 7 | Supra Aŭstrio |
| 2 | Vitelsbaĥo | 8 | Malsupra Aŭstrio |
| 3 | Munkenio | 9 | Vieno |
| 4 | Rentamto | 10 | Karintio |
| 5 | Tirolo | 11 | Stirio |
| 6 | Salcburgio | 12 | Burgenlando |

● la urbo Salcburgo

Supozeble la prusa edukado kulpas pri la miskomprenado de Bavario far la nord-germanoj: Kutime ni nordulo j moketas la bavarojn, riproĉas al ili apartismon. Sed, evidente, ni eĉ ne komprenas ke - almenaŭ parte - temas pri ETNA APARTISMO.

La miskomprenadon pliprofundigas la bavaroj mem, pli precize: la bavara registaro, kiu volas prezenti la nunan ŝtaton Bavario kiel historian kaj etnan unuon. Tiu ĉi klopodado devas fiaski, ĉar la faktoj estas kontraŭdi aj: La aktuala ŝtato Bavario (kiel parto de FR Germanio) amplekses ankaŭ alia-etnanojn kaj samtempe ne enhavas ĉiujn homojn apartenantajn al la ĉefa etno: la bavaroj aŭ, kiel prefere oni diru: BAJUVAROJ. Dum frankonoj kaj kelkaj ŝvaboj (alemanoj) ja enestas, mankas tiuj kiuj estas civitanoj de la plej granda parto de Aŭstrio kaj de preskaŭ tuta Sudtirolo. La ĉi-supra mapeto (desegnita de la IKEL-membro Josef Hell, gvidanto de la "Bajuvara Agado", Feichten 1, D-8223 Trostberg) donas imagon rilate la teritorion de la bajuvara etno, t.e. pri la regiono, en kiu oni parolas la bajuvaran idiomon.

Kiel en pluraj regionoj de FRG kaj aliaj ŝtatoj ankaŭ en Bavario ekzistas certagrada aktivado por plifirmigi, kaj kelkaloke: rekrei etnan konscion. Tie ĉi same kiel aliloke tiu celado esprimatas ofte pere de beletraj publikaĵoj. Ĉiukaze ni sekvos la evoluon kaj raportos iam pli detale pri la bajuvaraj aktivadoj.

Supozeble la bajuvaristoj havos diversajn problemojn: Unue, la nunaj ŝtatoj ne speciale interesiĝas pri grandskalaj reformoj de internaj kaj eĉ eksteraj limoj; due, interne de la supre skizita Bajuvario aperas minimume tri subregionoj de etnaj minoritatoj (italoj en Sudtirolo, slovenoj en suda Karintio kaj kroatoj kaj madjaroj en Burgenlando). Simile kiel en la Aran-valo, kiu apartenas administracie al Katalunio kaj kies enloĝantoj estas okcitanoj, la traktado de la minoritata problemo far la minoritatistoj povos esti decida por la plua evoluo de la aŭtonomistaj movadoj.

# LA ROMANĈA JA REZISTAS

Kiun sorton havos montara lingvo dividita en tutan faskon de dialektoj? Se tiun lingvon parolas homoj en du ŝtatoj respektive tri regionoj, ĉu oni povas esti optimisma? Ĉu iom pli ol duona miliono da parolantoj sufiĉas por vivteni lingvon? Ĉu tiu nombro ne tre rapide malgrandiĝos? Jen kelkaj el la multaj brulaj demandoj kiujn faras la etne konsciaj romanĉoj (el kiuj proksimume 500.000 vivas en Friulo, Italio, 13.000 en Sudtirolo, same Italio, kaj 50.000 en la svisa kantono Grizono).

La modernaj tempoj produktis por la svisaj romanĉoj dubinde du-aspektan novaĵon: Unuflanke, en 1938 la svisoj referendume agnoskis la romanĉan lingvon kiel la kvaran de Svisio, sed aliaflanke la gigante kreskinta turismo adaptis la regionon - materie kaj spirite - al la ĉirkaŭo. La similiĝemo de multegaj grizonanoj igis ilin konsideri siajn tradiciajn lingvon kaj kulturon forlasindaj, obstaklaj, interŝanĝendaj kontraŭ traktoroj kaj novaj stratoj kaj laborlokoj en konstruado kaj gastigado. Evidentigas tiun tendencon tiuj ĉi nombroj: En 1950 el la 39 distriktoj de la kantono Grizono 13 estis majoritate romanĉaj; en 1970 restis nur 10. El ĉiuj grizonanoj nun estas romanĉoj nur 23 %, dum antaŭe estis 29,2 %. Estas menciinde ke proksimume unu kvarono de ĉiuj romanĉoj vivas en aliaj kantonoj de Svisio, kio ne speciale favoras la etnan koherecon.

Kiel en multaj similaj kazoj, ankaŭ en Grizono ekzistas organizo kiu klopodas sisteme nutri la iom magriĝintan korpon: la "Romanĉa Ligo". Ĝia sekretario, la 30-jara filologo d-ro Iso Camartin, pledas por realisma agado kaj rifuzas la utopiajn ideojn de iuj ekstremistoj kiuj celas izoli la romanĉojn kaj volas permesi vendadon de terenoj nur al romanĉoj. Camartin proponas instigi la ne-romanĉojn malfermiĝi por la aferoj de la romanĉoj, kaj li jam povas montri mirigajn sukcesojn en la instruado de la romanĉa al tiuj aliaj homoj. Krome, la "Romanĉa Ligo" publikigas literaturon, direktas aŭ kunhelpas en la eldonado de kvar romanĉaj gazetoj kaj edukas, en speciala seminariejo, romanĉajn infan-vartistinojn kiuj poste deĵoras en la 74 romanĉaj infan-vartejoj. Evidente, jen la kerno de la tuta laborado: la junularo. Por logi ĝin al la romanĉa lingvo ne sufiĉas iu "Bonan nokton!"-diro en la germanlingva televido! Nu, en 80 municipoj (el la 107 romanĉaj) ekzistas komplete romanĉalingva instruado en la kvar elementaj klasoj, kiam la geetuloj lernas la germanan lingvon kiel fremdan lingvon por uzi ĝin pli kaj pli kiel lern-lingvon en la superaj klasoj. La ceteraj 27 lernejoj instruas germane, kaj la romanĉa estas lernofako.

Ĉu tiel sufiĉas?




---

Lerneja instru-lingvo:

 itala

 germana

 germana (tamen, la romanĉa estas instrufako)

 romanĉa

# RIBELO DE LA MINORITATOJ

## ŜANĜIĜO DE PRIJUĜO

Inter la du mondmilitoj la problemoj de la etnoj - aŭ kiel oni tiam kutime diris: de la juro pri minoritatoj - estis esenca motivo de la eŭropa, eĉ de la internacia politiko. Tio estis sekvo el la traktatoj de la parizaj antaŭurboj, kiuj ofte ne adaptis la novajn ŝtatlimojn al la lingvolimoj. La suferantoj estis la germanaj kaj madjaraj lingvokomunumanoj aligitaj al alilingvaj ŝtatoj. Certasence ankaŭ Sovetunio estis inter la venkitoj; ĝi devis lasi al la pola ŝtato sep milionojn da ukrajnanoj kaj belorusoj.

Estas malfacile nuntempe imagi kiuamplekse la tiama internacia juro okupiĝis pri la etnoj. Kreitiĝis 31 diversaj internaciaj regularoj pri minoritatoj (preskaŭ ĉiuj antaŭ 1933), el kiuj 16 estis eksplicite protektataj far la Ligo de Nacioj, ĉe kies ĝenerala sekretario ekzistis speciala sekcio rilate minoritatajn problemojn. Krom la Ligo de Nacioj, ankaŭ la Konstanta Internacia Kortumo en Hago - kvankam malpliamplekse - estis plurfoje okupita per procesoj. Preskaŭ ĉiuj tiutempaj internaciaj organizoj, kiuj volis servi la internacian interkompreniĝon kaj la interpaciĝon de la popoloj, regule okupiĝis pri minoritataj problemoj.

Kiom alia estis la bildo post 1945! Por la internacia publiko ne plu estis en la centro la rajtoj de lingvaj, sed tiuj de rasaj minoritatoj kiel konsekvenco parte de la kontraŭjuda politiko de Hitler, parte de la koloniisma krizo. La priminoritatan politikon de la antaŭ-hitlera periodo oni juĝis - terure troigante - komplete fiaskinta. Ĉar rasaj minoritatoj - ekzemple la negroj en Usono - normale ne postulis la kreon aŭ konservon de propraj lernejoj kaj aliaj klerigaj institucioj, sed, male, insistis pri allaso en la lernejoj kaj aliaj institucioj de la "blankuloj", ĉiu postulo pri propraj lernejoj por lingvaj minoritatoj estis suspektata celi, konscie aŭ ne, "rasisman" apartigon de la minoritato disde la ĝenerala enloĝantaro, do, "segregacion".

Tiu ĉi baza opinio estis konstatebla mondvaste. Kiam, en la unuaj jardekoj post 1945, transŝtata organizo pozitive engaĝis sin por lingvaj minoritatoj - kiel tion faris UNESKO en 1952/53 pledante por denaskalingva instruado en la elementaj lernejoj - oni uzis pedagogiajn, ne jurajn-homrajtajn argumentojn. Nenie la voko pri jura protektado de la lingvaj minoritatoj kaj etnoj devis fronti pli da neinteresiĝo, eĉ malestimo kaj malfidemo, ol en okcidenta Germanio, kie la juna generacio kreskis kun la ideo ke la hitleran venkon en 1933 kromkaŭzis tro arda "naciista" okupiĝo pri la eksterlandaj germanoj, kiu komenciĝis dum la vajmara /*/ periodo kaj kiu ne reviviĝu.

En la vajmara Germanio regis vasta la opinio ke konservado de lingvoj kaj etnoj estas dezirinda, ĉar ĉiu lingvo kaj ties uzantaro estas altvalora kulturaĵo; en nuna terminologio ni nomus tiun sintenon "valor-konservema". Kontraŭe, en FR Germanio regis komence sinteno, kiun oni povas nomi sociemancipa. Ĝi vidis la centran problemon de la emancipiĝo de "la" homo nur en la ekonomia subpremado aŭ malfavorado kaj, do, en la malfaciliĝo de la homaj ekonomiaj progres-ebloj. La kazoj, en kiuj grupoj estis subpremataj pro aparteno al certa raso, lingvokomunumo, religio, same kiel la diskriminaciado kontraŭ virinoj far viroj - ĉio ĉi estis konsiderata flanke de marksistoj kiel "kromkontraŭdiroj", konfliktoj kiuj estas fine rezultoj el la granda ĉefa kontraŭdiro, la kontrasto inter kapitalo kaj laboro. Tamen ankaŭ multegaj nemarksistoj post 1945 inklinis al atribuado de unuarangeco al la ekonomia faktoro malfavore al raso, lingvo, ideologio kaj sekso.

---

/*/ Redakcia klarigo: "Vajmara" periodo de Germanio celas la tempon inter 1918 kaj 1933, kiam validis la konstitucio ellaborita en la urbo Vajmar (germane: Weimar), Turingio.

Oni ne povas ignori ke en la vajmara periodo la signifo de la faktoro "ekonomio" por la politiko pri lingvoj kaj etnoj estis tro malalte taksata; ĝi estis traktata, en la literaturo, precipe en tiuj kazoj, en kiuj la ŝtatestra etno ekonomie subpremis minoritaton aŭ en kiuj (malpli oftaj) minoritato kreis proprajn ekonomiajn protekto-organizojn (ekzemple kreditkooperativojn).

Kiam la junakademiuloj, en la sesdekaj jaroj, remalkovris la etnajn problemojn, ili ofte provis ekspliki ilin per ekonomiaj kaŭzoj. Kiam tiuj junaj esploristoj ne kontentiĝis per sensignifaj ĝeneralumaĵoj, sed profunde studis la originan literaturon kaj ankaŭ entreprenis surlokajn esplorojn, la rezultoj estis komence surprizegaj. Oni povis ekhavi la impreson ke la antaŭaj etnologoj estis konsiderintaj la etnajn grupojn kiel la malnov-kermesan "virinon sen suba ventro", ĉar ili estis interesiĝintaj nur pri menso kaj animo, pri lingvo kaj "kulturo" rigardante la ekonomian aspekton serioze nur kiam la etna kontraŭulo, la ŝtatestra etno, damaĝis la minoritaton ekonomie pro unuavice etnaj, do ne-ekonomiaj kaŭzoj.

Per tiu ĉi nova surloka esplorado ni ricevis tre real-aspektajn novajn priskribojn de multaj minoritataj kaj etnaj problemoj precipe rilate la liberan Eŭropon, el kiuj la malnovgeneraciaj etnologoj ne malmulton lernis. Elstara specimeno estas plurautoraĵo "Aufstand der Provinz. Regionalismus in Westeuropa" /‾t.e. "Ribelo de la provinco. Regionismo en okcidenta Eŭropo"_7, Campus Verlag, Frankfurt / New York, 198o, 248 p., kiun eldonis la universitata politikologo Dirk Gerdes el Hajdelberg. En ĝi ni trovas, krom tri eseoj teoriaj, sep priskribojn de la problemoj de la etna regionismo en Svisio (Ĵuraso), Belgio, Grandbritio (Kimrio, Skotlando, Norda Irlando), Francio (Okcitanio kaj Bretonio) kaj Hispanio. La ĉie palpebla, tamen nur en kelkaj lokoj klare esprimita fundamenta tezo de la libro estas ke ĉie temas "esence" pri protestmovadoj de regionaj grupoj kontraŭ sociaj kaj ekonomiaj malegalecoj. Tiuj grupoj atingas konscion pri sia identeco nur tra la kromvojo de kulturaj, konkrete: lingvaj, religiaj, rasaj, eĉ geografiaj karakterizaĵoj kaj sur tiu ĉi bazo proklamas siajn postulojn je memdeterminado kiu inkluzivu ankaŭ la ekonomian dimension. Kiam la batal-direkto de la "Ribelo de la provinco" montras al la forigendaj sociaj kaj ekonomiaj malegalecoj, la ribelo estas juĝata progresema, kiam ĝi troemfazas la kulturan neglektadon, ĝi estas reakcia.

Oni ekscias amason da zorgeme observitaj detaloj kaj - kontraŭe al la nur socikritika literaturo de la unuaj postmilitaj jaroj - oni lernas konsideri tiujn ĉi regionismojn seriozaj. Nur unu aferon oni ne lernas: kompreni ilin. Ĉar la pseŭdo-protobildon, el la tempo antaŭ 1933, de etna grupo sen originaj ekonomiaj problemoj, oni nun anstataŭigas per la pseŭdo-protobildo de etna grupo sen koro kaj kapo.

Kiam ni alvenos ĉe sintezo, ĉe integra vidmaniero de etnopolitikaj strukturproblemoj?

Heinz Kloss (KK)

---

Redakcia klarigo: Ni tradukis la ĉi-supran artikolon el "Kulturpolitische Korrespondenz", n-ro 462, de 15. 12. 1981, p. 5 - 7. La aŭtoro Heinz Kloss estas universitata profesoro pri ĝermanistiko kaj aŭtoro de multaj libroj kaj artikoloj pri etnaj, lingvo-minoritataj problemoj.

---

*Etnismo*........... estas sendube iusenca raraĵo: uzado de la Internacia Lingvo por informi pri eĉ plej "malgrandaj" lingvoj kaj dialektoj, politikado por defendi etnajn minoritatojn, miksado de soci-lingvistiko kaj polemikado ..... Evidente, certaj - ankoraŭ malmultaj - uzantoj de la Internacia Lingvo estas similideanoj. Ĉu precize V I ne emas kunagi sendante informojn kaj komentojn kaj fotojn el via regiono? Anticipan dankon!




# IKEL-INFORMILO 8

## 1. K U N V O K O

La dua membrokunveno de la INTERNACIA KOMITATO POR ETNAJ LIBERECOJ ( IKEL ) estas kunvokita far la estraro kaj okazos mardon, la 27-an de julio 1982, je la 9.oo horo en la ejo de la 67-a Universala Kongreso de Esperanto en Antverpeno, Belgio. (La indikoj pri dato, horo kaj ejo estas provizoraj, ĉar ne jam fiksitaj de la kongresadministracio. Definitivaĵoj aperos poste, plej malfrue komence de la UK en la kongresejo.)

Provizora tagordo:

1. Malfermo, konstato pri voĉdonrajto kaj definitivigo de la tagordo;
2. Informo pri la membrostato kaj la financoj;
3. Raportoj de estraranoj kaj aliaj membroj pri pasinta agado;
4. Diskutado pri estonta agado (kp. punkton 2 de la IKEL-statuto);
5. Diskuto kaj decido pri buĝeto de IKEL;
6. Elekto de la estraro;
7. Diversaĵoj.

Atentigoj:

- Ĉiu membro kiu ne povos ĉeesti la kunvenon rajtas laŭstatute skribe komisii alian membron voĉdoni anstataŭe.
- En ero 4 de la provizora tagordo estos diskutendaj i.a. jenaj aferoj:
  (a) kolektado kaj diskonatigado de informoj pri etnaj problemoj;
  (b) redaktado de artikoloj por ETNISMO kaj redaktado de pres-komunikoj; distribuado de tiaj pres-komunikoj;
  (c) kontaktoj kun similcelaj asocioj kaj kun/kontraŭ aŭtoritatoj;
  (ĉ) kunmetado de ekspozici-materialoj;
  (d) interkontaktigo de IKEL-membroj;
  (e) varbado de novaj membroj;
  (f) kunlaboro kun UEA k.s..
- Nemembroj rajtos partopreni la kunvenon kaj la diskutojn, kondiĉe ke la membrokunveno ne decidos male; ili tamen ne rajtos voĉdoni.

## 2. I N V I T O

Dum la 67-a UK en Antverpeno IKEL aranĝos, en la kongresejo (detaloj estos sufiĉe frue anoncitaj), fak-kunvenon publikan pri la temo:

PROBLEMOJ KAJ PERSPEKTIVOJ DE LA PLUR-ETNA ŜTATO BELGIO:

VALONOJ, LECEBURGANOJ, FLANDROJ, ORIENT-BELGOJ KAJ BRUSELO.

---

*Etnismo* — *Informilo pri etnaj problemoj*

Eldonas kaj redaktas: Uwe Joachim Moritz, Im Römerfeld ~~58~~ 44, D-5180 Eschweiler (FRG), tel.: (49-2403) 16 888; poŝtĝirkonto: 2326 12 - 306 Hannover; ĝirkonto ĉe UEA: 5640.
Jarabono (kalendara jaro, kun 3 numeroj): 10,-- gm (11 internaciaj respond-kuponoj). La IKEL-kotizo de 22,-- gm jam inkluzivas la abonon de ETNISMO!

Tiu ĉi estas - malgraŭ la dato kaj kun tre humila peto pri indulgo pro la grandega prokrasto - la DUA numero de mil naŭcent okdek-UNU!